

# PENSEO

*N-ro 327*

*jan. / 2019*

**Monata Beletra Revueto en Esperanto**
**Honorita de Premio Grabowski,1994**

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 30-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



## Al Baldur Ragnarsson

Poezio funebras,
versoj ploras: forpasis –
Ho ve! – Baldur Ragnarsson,
la Poeto plej elstara
el nia verda mondo.

Tamen Parnas' gaje festas!
Poetoj mortos neniam:
ili restas ensorĉitaj,
kiel porĉiamaj steloj
en la memoro de l'tempo.



s-ro Baldur Ragnarsson

*Juiz de Fora, 27/12/2018.*

## L'arbo de Kaŝambuo

En la Parko de l' Akvoj
de la urbo Kaŝambuo
jen arbego impona
mian koron alparolas...

Kaj venis Esperanto
tuj al mi en la kapon:
ĉies arbo fluganta,
kiu ĉiame floras,
kaj nutras nian koron!



*Juiz de Fora, 08/12/2018.*

## Miaj memoj

Mia korpo estas malgranda dorlotbesto; kaj ni vivas en strikta harmonio. Karese mi ĝin prizorgas. Mi ĝin nutras; vestas; endormigas; promenigas... Kiam ĝi malbone fartas, mi luktas por ĝia resanigo. Amikoj ni estas, malgraŭ la kvereloj kaj konfliktoj.

Mi ĝin povas rigardi en la spegulo, sed min ĝi ne povas vidi.

Do estas neakordo inter ni; ĉar ĝi (for)pasos; sed mi ĝin transpasos. Iam finiĝos ĝia vivlimtempo sur la Tero; tiam mi surhavos pli malpezan veston, kaj ekflugos survoje al l' infinito.

*Juiz de Fora, 17/12/2018.Meus eus*

## Elena Popova (Bulgario)



## NEĜA VENTEGO

La griza ĉielo sin apogas sur la nudaj branĉoj de la arboj. La paseroj kaŝis sin sub la tegoloj. Eĉ la kateto ne kuraĝas montri sian nazon ekstere, ĉar norda vento blovegas.

La tegmentoj sub blankaj ĉapoj kaj la arboj, kiel maljunuloj blankiĝintaj, sin interrigardas

mute — venis siberia frosto. La homoj atendas ĝian finon, pensante pri la suno.

La neĝventego branĉojn interplektas, forbalaas tegmentojn, purigas vojojn aŭ amasigas lavangojn.

Ĉu vi aŭdas? Ĝi ridas kontenta. Ridas...

## Vejdo (Ĉinujo)



### Nokta pejzaĝo de monturbo

**I**

Ha, urbo sidas bele sur monteto,
kun domoj super domoj konstruitaj,
kaj du riveroj ĉe l' montopiedo.

Alvenas grupoj kun scivol' vizitaj
por spekti l' urbon sur la montsitu'
formita de masivaj rokoj monolitaj.

Spegulaj bildoj en riveroj du
jen plaĉas al okuloj en muaro,
varie moviĝemas sur akv-flu'.

Ja strange! kial staras domegaro
vicante ĝisĉiele laŭ eskalo?
Jen vidu la montvojojn sen eraro:

leviĝas domoj supren de l' montvalo!

**II**

Vespere lampoj flagras kaj ekbrilas
oranĝe, ruĝe, blanke, verde, blue,
aspekton belan tuje l' urb' akiras.

Rebriloj buntaj vibras riverflue
kaj plektas lumdesegnojn sub ondpelo,
boatoj, ŝipoj tranĉas akvon skue,

ŝanĝante la lumbildojn de fabelo.
Variaj lumoj lulas buojn drive,
akverojn levas ŝpruce en ŝancelo.

Plezurboatoj ankaŭ iras vive
tien kaj reen glate per spotlumo,
konkure farbas bildon jen aktive.

Verŝajne ĉio viglas sub plenluno.

**III**

Surborde lampaj lumoj pompas plene:
neonaj lampoj blinkas buntkolore,
stratlampoj punktas vojojn jen fadene.

Aŭtlampoj vagas vice nokto-bore,
zigzage de l' eost' al okcidento,
surstrate ja navedas penlabore.

En bunta lumo pontoj en silento
sin montras per konturo sia
impona, dura kiel monumento,

fortika konstru-fram' tridimensia.
Nebul' leĝera ŝvebas kun vualo
super la montourbo kurblinia,

la nokto des pli ĉarmas en malklaro.

## Mori (Usono)



### AFORISMe (38)

Tiun, kiu kondutas
kiel bovo,
oni haltigas
per povo.

***

Kiam demagogoj eniras
la politikan rondon,
ili ruinigas
la tutan mondon.

***

Ekzistas homoj
kiuj vivas kiel hienoj
kaj ekzistas homoj
Kiuj vivas kiel leonoj,
La unuaj troveblas
Inter potenc--nuloj,
la duaj suferas
Kiel politikaj malliberuloj.

***

Homo afabla
sed malbela

pli allogas ol
homo bela
sed malafabla.
***
Urbaj animaloj
pli danĝeras ol tiuj
en la ĝangaloj.
***
Vivi kiel
stulta ŝafo,
Kruela lupo, ;
kaj ruza vulpo
estas ja peko
kaj granda kulpo.
***
Homo estas
animalo saĝa, sovaĝa
kaj multvizaĝa.
***
La plej sovaĝa animalo
estas tiu, kiu murdas ,
nome de Moralo.
***
Kiam rapidaj ĉevaloj
estas malpermesata
en la konkursa ludo,
la fina venkinto
povas esti eĉ testudo.
***
Arbon
vivtenas radikoj,
Homon
subtenas amikoj.
***
Potenco de idiotoj
en grandaj kvantoj
estas pli granda
ol grandegaj montoj.
***
Malgrandaj ŝtelistoj
estas en prizonoj,
sed la grandaj sidas
sidas sur la tronoj.
***
Fanatikulo
kiu pikas homojn
nome de Dio
pli abomenindas
ol skorpio.
***
Estu aparte singarda
kontraŭ dezerta skorpio
kaj tiu, kiu kaŝas sin
malantaŭ Dio.
***
Ne Dio,
sed Homo
juĝemas pri ĉio.
***
Kiam despoto
postulas ĉapon,
Lakeoj tuj dehakas
Mil kapojn.
***
Pli abomeninda
ol despoto ,
kiu subpremas la popolon,
estas lakeoj, kiuj
plenumas lian volon.
***
Leono en la kaĝo
pruvas ke homo estas
pli sovaĝa animalo
kun homa vizaĝo.
***
Tie, kie la plej grava afero
estas mono,
homo sen mono
estas senrajta persono.
***
Kie aĉulo sidas
sur la trono
bonuloj estas
en prizono.
***
Homo estas ne tiu
kiu suĉas sangon de homoj
kiel kulo, .
nek tiu, kiu vivas stulte
kiel ŝafo kaj mulo.
Homo estas saĝa,
afabla kaj kuraĝa ulo.
***
Homo kun pafilo
en ĝangalo
estas la plej sovaĝa
animalo.
***
Tie, kie oni vivas
en mizero,
la ĉefa kialo estas
politika afero.
***
Krimojn de demagogoj
kaj despotoj
Plenumas la manoj de
idiotoj.
***
Ĉiu homo diras
parton de la vero
pro sia propra vidpunkto
kaj persona favoro.
***
Demagogo
estas homo,
malpli utila ol
malbona terpomo.
***
Vivon rigardu
kiel granda ĉasludo
ludu lerte, pacience,
trankvile kiel Testudo.
***
La diferen Inter
malafabla homo
kaj besto
estas bela vesto.
***
Demagogo
estas fripono
kiu politikumas
pro mono kaj posteno.

***

Kiam bonfarto de ĉiuj
estas komuna ĉef-afero,
tiam paradizo ekestis
sur la tero.

## Ivaniĉka Maĝarova (Bulgario)



Noktomeze. Ĉe
l’ barilo nigra kato.
Ĝi nombras stelojn.



Latina sambo.
Animo mia dancas.
Piedartozo.



Gaja grileto.
Vagulo kun gitaro.
Bardoj survoje.



“Griloj”, “Beatles”
peloludas en ĉambro.
Grilo sur sojlo.

## Paŭlo Fleming (1609-1640)

### Al si mem

Esperu tamen plu kaj donu el la koro.
Ne cedu al feliĉ’, superu al envi’.
Kontentu pri vi mem eĉ se suferas vi.
Eĉ, se kontraŭas vin feliĉo, lok’ kaj horo!
Ĉu ĝuo aŭ aflikt’, rigardu ĝin valoro.
Akceptu sorton kaj senpentu pro decid’.
Farendon faru tuj, ne nur pro gvid’.
Se estas plu esper’, naskiĝos ĝi je horo.
Pro kio plendi, laŭdi? Feliĉon kaj mizeron
vi kreas per vi mem. Rigardu ĉion vi.
Ĝi estas en vi mem! Estu sen iluzi’.
Do, antaŭ plua ir’, eniru vian sferon.
Se vi vin majstras mem kaj regas vin sen kron’,
jen estos vasta mond’ kaj ĉio je dispon’.

## Jürgen Stutt

### Dezirfolieto

Legi neskribitajn librojn.
Ĵeti retojn,
kiuj kaptas pensojn,
vorton, kiu
ne havas ombron.

Gliti sur la somero malsupren
sur nubo,
naĝi kun la rivero,
kun buŝo plena de sablo
kaj palblua kolero.

*Tradukis*



**Hans-Georg Kaiser**
***(Germanio)***

## El Ĉina Antikva Poezio

## Jia Dao (779 – 843)

***Adiaŭ al la printempo***
***en ties lasta tago***

Ĝuste en la trideka de l’ lunmonato tria
Printempo adiaŭas nun al mi, bardo pia.
Amiko mia, kun mi, ne dormu en ĉi
nokto,
Ĉar, ĝis tagiĝ’, ankoraŭ regantas esto ĝia.

## Sima Guang (1019 – 1086)

***La frua somero en mia vojaĝo***

En kvara lunmonato postpluva tago klaras,
La suda monto kontraŭ l’ gastejo hele staras.
Ne flirtas la salikaj florkvastoj en aero;

Sunfloroj nur al suno kapklinon sian faras.

## Zhao Shixiu (1170 – 1219)

### Rendevuo neplenumita

En periodo de flavaj umeoj
Pluvetas ĉie super la kabanoj,
Kaj ĉiuloke, ĉu sur la herbejoj,
Ĉu sur la bordoj lagaj, kvakas ranoj.
L' antaŭa duonnokto sin fortrenis,
Amiko mia tamen ne alvenis;
Mi ŝaktabulon fingre frapas
Kaj al restaĵo de la meĉo gapas.

## Yang Wanli (1127 – 1206)

### Senokupiteco en frua somero

Umeoj al la dentoj fi-agacon nun inspiras,
Baŝooj en fenestran la vualon verde brilas.
La tago longas. Kiam mi vekiĝas el siesto,
En la enuon kaj senintereson mi tuj sinkas;
Kaj en ĉi senokupiteco mi spektadas, kiel
Salikajn florokvastojn la infanoj kuratingas.

## Zhu Shuzhen (?  -?  )

### La pejzaĝo je ekrigardo

La kvietan fenestrframon milde
Ombras la bambuoj en zefiro.
Ĉiuj paroj da someraj birdoj
Streĉe ĉirpas ĉe la sunsubiro.
Kiam velkas spektabilaj floroj
Kaj salikaj florkvastoj forflugas,
Tagoj nun longiĝas, kaj vetero
Somnolemon al homoj kondukas.

## Dai Min (? - ?)

### Frusomera vizito al la ĝardeno de Zhang

En lageto, ĉi tie kaj tie, naĝas anasidoj,
Maturiĝas umeoj en duonserena vetero.
De l' uesta ĝarden' al l' eosta oni ebriiĝas,
Pri l' eriobotrioj orflavaj fieras prospero.

## Huang Tingjian (1045 – 1105)

### Pejzaĝo vidita de sur la Suda Turo en E'zhou

De l' turo, ĉe la balustrado, mi rigardas:
River' kaj montoj nebuliĝas unumase;
La trapoj kaj lotusoj la aromon gardas,
Kiu traŝvebas eĉ dek liojn ĉi-okaze.
Liberas freŝa brizo kaj brilanta lun'
Kune alportas, de la sudo, friskon nun.

## Gao Pian (821 – 887)

### Somera tago en monta kiosko

Verdaj arboj havas sub si densan ombron,
Longas la somera tago,
Pavilonoj kaj kioskoj speguliĝas
Sur ĉi tiu paca lago.
Perle brila pordkurteno sin movetas
En zefiro karesema,
Ĉie, en la plena korto, aromadas
De rozfloroj laŭb' ĝardena.

## Fan Chengda (1126 – 1193)

### Familioj en vilaĝo

Prizorgas kampon tage kaj teksadon nokte
faras,
Vilaĝaj gejunuloj la aferojn mem preparas.
Genepoj, pri ŝpinado kaj kultivo nun obskuraj,
Por lerni melonoplantadon ĉe morusoj staras.

## Weng Juan (? - ?)

### Improvizaĵo en vilaĝo

Deklivo monta verdas, blankbrilas
rizkamparo,
Kaj eĥas en pluvbrumo la kukola fanfaro.
Aprile en vilaĝo nenifarantojraras,
La raŭpobredon sekvas plantado en preparo.

## Han Yu (768 – 824)

### *Dediĉe al granataj floroj*

Granataj floroj majaj blindigan brilon donas,
De temp' al temp' sur branĉoj la fruktoj sin
proponas.
Sed tien ĉi, bedaŭre, ne venas ĉevalĉaroj, -
Al musko l' ruĝaj flirtaj petaloj jam imponas.

*Elĉinigis*



**Minosun (Ĉinujo)**



## Cui Hao (704-7540)

### La turo Flava Gruo

Per gruo flava jame forflugis l' antikvulo,
ĉiloke staras vaka la Flavagrua Turo.
Ĉi tiu birdo post la deiro ne plu venis,
nur blanka nubo naĝas jarmilojn en lant-kuro!

Ĉe l' urbo Hanyang klaras la arboj sub
sunbrulo,
kaj cise verdas herboj sur Yingwu-etinsulo.
ho, kie estas mia hejmloko je l' vespero?
min faras splena sur la rivero fumnebulo!

**Laŭlegende, "la antikvulo" aludas al tiu feo nomita Zi'an, kiu per flava gruo forflugis de la loko, kie nun sidas la Flav-grua Turo, kaj neniam revenis.*

*elĉinigis*



**Gajo (Ĉinujo)**

## Pan Lang (?-1009)

### Spektado al Tajdo de Qiantang

—laŭ melodio *Sopire al Hangzhou*

Por spekti tajdon de l' river'
konkure homoj svarmas
el stratoj kun la sama cel'.
Jen altaj huloj frapas bordojn
kvazaŭ ĉioma akv' por efemer'
nun elĉerpiĝus el la maro.
Tajdado muĝas laŭte ĝis ĉiel',
kiel dek mil tamburoj sonas.
Surfistoj lerte staras kun leĝer'
sur ondopintoj jen kaj jen,
flagetoj en la manoj eĉ ne
malsekiĝas per saŭmakver'.
Kelkfoje sonĝis mi pri tajdspektado,
mi ŝajne vidus la spektaklon ja en ver'.



## Qian Weiyan (962-1034)

### Sur la turo

—laŭ melodio *Printempo en jada pavilono*

Mi ascendas turon
por pejzaĝon ĉirkaŭpreni,
sed ĉirpad' de orioloj
mian koron bruas ĝeni.
sube riverondoj frapas bordojn forte
dum jam tempas por printempo sveni.
Kiam poploj kaj herbaro,
ve, ne tiom verdos?
Tiu scen' eltiras miajn larmojn,
kaj ja povas min ĉagreni.

Mi jam sentas kadukiĝon,
ĉar aŭtuno mia jamas veni.
En spegul' mi vidas
miajn harojn kaj vizaĝon
kaŝe ŝanĝojn preni.
Iam mi malŝatis drinkon
pro malsano, sed nun mi festeni
volas per alkoholaĵo tas' post taso
por ebrie min kateni.

## Kou Zhun (961-1023)

### Printemp-fino

—laŭ melodio *Paŝo sur herbo*

Tuj printempo iras al la fin',
l' oriola ĉirpo iĝas
malpli klare laŭta.
Jam prunfloroj tute falas
ĝis la ŝlim',
kaj nur restas drupoj
verdaj, etaj kun pal-glim'.
Ne aŭdiĝas homovoĉo
nek vidiĝas hom-anim'
en la ĉambro por pentrado,
ekster domo nebulpluvas
forte ĝis kulmin',
la ekrano duon-kaŝas svage,
ŝvebas fumostri' el incensujo
en spirala ŝpin'.

La promeso rekunigi nin
ne ankoraŭ plenumiĝas,
post disiĝo lia
la novaĵo pri li
ne atingis min.
Mi jen pigras por min vidi
en spegulo
bronza polvokovrita
sen korinklin'.
Mi senvorte min apogas
sur balustrado superetaĝa
por okule serĉe laŭ rutin'.

Mi nur gapas herbojn
la etendiĝantajn kontinue
ĝis malhela ĉiel-lim'.

*elĉinigis*

**Vejdo (Ĉinujo)**

## Ilir Zhiti



### Feliĉaj ni estis nur tiam

Neniam forgesos ni, kara mia,
kiam freneze ni enamiĝis
kaj por akiri feliĉecon
ĉiutage ni kunrevadis

Kio travivite neniam forgesitos
Sed kial kvazaŭ trancxilo nian koron
ĝi tuŝas
kaj ni ne scias ĉu memoraĵo tio estas
aŭ profunda doloro kiu multe
bruligas.

Sed ĉu tio plu valoras
kiam malfrue ni komprenis
Feliĉaj ni estis nur tiam
kiam freneze enamiĝis.

*Plug-Lushnjë, aŭguste 1986*

### Mi kaj soleco

Ofte mi sentiĝas pli socia
je ĉeesto de mia soleco

Kaj mi invitas min drinki
eĉ unu glason kune
tiel foriĝas maltrankviloj
pro soleco ĉe ceteraj homoj.

Nun ambaŭ ni ne plu solecas
neniu rompas nian socion.

kaj en ĉi tiu ripozmomenteto
ni havas ŝancon babili pri multo
kion ni ne povis dividi
je socio de aliuloj.

*Tirana, 3.10.2017*

# Rideto

Kiom facile rideti estas
Malfermeti buŝon sufiĉas
Vangostoj suprenmovas
viaj okuloj radiobrilas
energio el koro fontas
kiom facile rideti estas

Rideto- plej bela rozo
de ĉiuj amoj
rideto — produktita de boneco
rideto — patrina amo
rideto — patra feliĉeco
rideto — nur kora donaco
rideto — plej bela rozo
de ĉiuj amoj

Ĝin donacante pli riĉaj ni fariĝas
Sed kial do ni tiel rare tion faras
Kial tiel kare tion ni vendas?!
Ni turnis ĝin simple al varo
En kiu maro do dronis la rideto
Tiu varma donanta nur bonecon?!

Kial ĝin anstataŭas malpura
grimaco
Kiam ni ĝin fordonas pli riĉaj
fariĝas.

Aŭ kiel varo dum vendo kaj aĉeto
por servilismo ĝi uziĝas
Ĉu turniĝis al lupo-intereso?!
pli ofte ĝi uziĝas por mokado,
ironio
plurestas forgesita povra amo

Se rideton, tiun belan, noblan
la homaro forgesos
tiam ni povas diri sentime
definitive animala mondo venkos.

*Tirana, 07.10.2017*

*esperantigis*



**Bardhyl Selimi**

**(Albanio)**



# Zhuangzi

## ĈAPITRO DEKSEPA

## Aŭtuna riverŝvelo

### §17-01

........

La dio de la Flava Rivero demandis:

“Kiel do oni faras la distingon inter la nobleco kaj la malnobleco, kaj inter la grandeco kaj la malgrandeco, kiel ekstere, tiel ankaŭ interne?”

La Mara Dio respondis:

“El la vidpunkto de la Taŭo la estaĵoj en la mondo ne posedas en si noblecon, nek malnoblecon; el la vidpunkto de la estaĵoj ĉiu el la estaĵoj inklinas rigardi sin kiel noblan kaj subtaksi la aliajn; el la vidpunkto de la vulgaraj homoj la distingo kuŝas ekster la estaĵoj mem. El la vidpunkto de la distingo, se ni opinias, ke iu estaĵo estas granda pro tio, ke ĝi estas relative granda, tiam ekzistas neniu estaĵo, kiu ne estus granda. Se ni opinias, ke iu estaĵo estas malgranda pro tio, ke ĝi estas relative malgranda, tiam ekzistas neniu estaĵo, kiu ne estus malgranda. Ĉar vi scias, kial la ĉielo kaj la tero estas kiel grajnoj de mileo kaj kial la maldikega hareto estas kiel monto, vi komprenas la distingon inter la grandeco kaj la malgrandeco. El la vidpunkto de la funkcioj, se ni

opinias, ke iu estaĵo estas utila pro tio, ke ĝi estas utila en unu rilato, tiam ekzistas neniu estaĵo, kiu ne estus utila. Se ni opinias, ke iu estaĵo estas senutila en alia rilato, tiam ekzistas neniu estaĵo, kiu ne estus senutila. Ĉar vi scias, ke la oriento kaj la okcidento estas kontraŭaj kaj interdependaj, vi komprenas la funkciojn kaj la utilojn de la estaĵoj. El la vidpunkto de la prefero, se ni opinias, ke iu estaĵo estas ĝusta pro tio, ke ĝi estas ĝusta en unu senco, tiam ekzistas neniu estaĵo, kiu ne estus ĝusta. Se ni opinias, ke iu estaĵo estas malĝusta pro tio, ke ĝi estas malĝusta en alia senco, tiam ekzistas neniu estaĵo, kiu ne estus malĝusta. Ĉar vi scias, ke la reĝo Yao kaj la reĝo Jie egale alte ŝatis sin kaj kondamnis unu la alian, vi komprenas la preferojn de la estaĵoj.

"En la pasinteco, kiam la reĝo Yao abdikis sian tronon al Shun kaj tiu fariĝis la reĝo; kiam la princo Kuai en la regno Yan abdikis sian tronon al Zizhi kaj tiu estis mortigita. La reĝo Tang kaj la reĝo Wu kaptis la tronon per militaj fortoj, dum Baigong Sheng malsukcesis en la batalo por la sama celo. El la kapto kaj abdiko de la trono, kaj el la agoj de la reĝo Yao kaj de la reĝo Jie, oni povas vidi, ke la nobleco kaj la malnobleco estas nur afero de tempo: ekzistas nenia fiksa regulo por tio. La murrompilo povas esti uzata rompi muregon de urbo, sed ne povas esti uzata por ŝtopi truon, ĉar la uzeblecoj de la iloj estas malsamaj. La bona ĉevalo povas galopi mil liojn en unu tago, sed ĝi ne povas esti egala al kato aŭ mustelo en la kaptado de musoj, ĉar la lertecoj de la bestoj estas malsamaj. La strigo povas kapti pulojn kaj vidi la maldikegan hareton en la nokto sed ne povas vidi per siaj okuloj larĝe malfermitaj en la luma tago, ĉar la denaskaj naturoj de la birdoj estas malsamaj.

"Oni ofte diras: 'Kial vi ne adoptas la ĝustan kaj forĵetas la malĝustan? Kial vi ne adoptas la ordon kaj forĵetas la malordon?'. Oni diras tion, ĉar oni ne konas la leĝojn de la ĉielo kaj la tero, nek la naturon de la estaĵoj en la mondo. Tio estas kiel la diro: 'Adoptu la ĉielon kaj forĵetu la teron; adoptu la jinon kaj forĵetu la jangon', kio estas evidente neebla. Se iu obstinas en sia senĉesa babilado pri tio ĉi, li aŭ estas stulta aŭ intence diras absurdaĵon. La Tri Imperiestroj kaj la Kvin Reĝoj abdikis sian tronon en malsamaj formoj; la tri dinastioj Xia, Shang kaj Zhou sin sekvis en malsamaj manieroj. Tiuj, kiuj ne estas konformaj al la tempo kaj agas kontraŭ la volo de la popolo, estas nomataj uzurpantoj; tiuj, kiuj estas konformaj al la tempo kaj agas laŭ la volo de la popolo, estas nomataj homoj de humaneco kaj justeco. Fermu vian buŝon kaj silentu! Kiel do vi povus koni la distingon inter la nobleco kaj la malnobleco, kaj inter la grandeco kaj la malgrandeco?"

"Tiuokaze," demandis la dio de la Flava Rivero, "kion do mi devas fari kaj kion do mi ne devas fari? Kiel do mi devas ion akcepti aŭ rifuzi, adopti aŭ forĵeti?"

"El la vidpunkto de la Taŭo," respondis la Mara Dio, "nenio povas esti nomata nobla aŭ malnobla, ĉar la nobleco kaj la malnobleco estas la du kontraŭaj ekstremoj de la mezo kaj ili senfine sin sekvas reciproke. Ne obstine alkroĉiĝu al unu el viaj ideoj, por ke vi ne foriĝu de la Taŭo. Nenio povas esti nomata tro malmulta aŭ tro multa, ĉar la malmulta kaj la multa transformiĝas unu en la alian. Ne obstine algluiĝu al unu el viaj kondutmanieroj, por ke vi ne iru kontraŭ la Taŭo. Estu tiel solena, kiel la reganto de regno, kiu estas justa kaj senegoisma. Estu tiel senzorga, kiel la loka terdio, kiu senpartie donacas benojn al ĉiuj oferantoj. Estu tiel vastaspirita, kiel la akvo, kiu estas ĉien-penetranta kaj senlima. Se via menso estas ĉio-ampleksa, tiam vi montras al neniu vian apartan favoron. Tio estas nomata senpartieco.

"Ĉiuj estaĵoj estas egalaj; do kiuj el ili estas mallongaj kaj kiuj estas longaj? Dum la Taŭo ne havas la finon, nek la komencon, ĉiuj aliaj estaĵoj havas siajn vivon kaj morton, sekve ĉio, kion vi atingis, estas nur portempa kaj nefidinda. Jen malplenaj, jen plenaj, ili neniam restas en la sama stato. La pasintaj jaroj ne estas revenigeblaj; la fluanta tempo ne estas haltigebla. Ili kreskas kaj kadukiĝas. Ili pleniĝas kaj malpleniĝas. Kiam ili finiĝas, ili rekomenciĝas. Jen kia estas la ĝenerala tendenco de la Taŭo kaj kia estas la universala vero de la estaĵoj. La vivo de la estaĵoj forpasas tiel rapide, kiel ĉevala galopo, ŝanĝiĝante en ĉiu moviĝo kaj moviĝante en ĉiu momento. Kion vi devas fari? Kion vi ne devas fari? — Nur lasu al ĉiuj estaĵoj sekvi sian naturan evoluon."

"Tiuokaze," demandis la dio de la Flava Rivero, "kia do estas la valoro de la Taŭo?"

"Tiuj, kiuj konas la Taŭon," respondis la Mara Dio, "nepre komprenas la universalan veron de la estaĵoj; tiuj, kiuj komprenas la universalan veron de la estaĵoj, scias adapti sin al la cirkonstancoj; tiuj, kiuj scias adapti sin al la cirkonstancoj, lertas eviti malbonon, kiu povus fari al ili malutilon. Tiuj, kiuj estas dotitaj per perfekta virto, ne povas esti brulmortigitaj de la fajro, nek dronigitaj en la akvo, ne povas esti vunditaj de la varmego, nek de la frosto. Ili ne timas la atakojn de la rabobirdoj, nek de la rabobestoj. Tio ne signifas, ke ili estas imunaj kontraŭ tiuj malbonoj, sed ke ili scias distingi la sekurecon disde la danĝero, gardi sian malvarman sangon antaŭ malfeliĉo kaj feliĉo, kaj fari sian elekton aŭ decidon kun singardemo, kaj tial nenio en la mondo povas fari al ili malbonon.

"Tial, estas dirite: 'La denaska homa naturo loĝas en la interno, kaj la altrudita homa konduto loĝas en la ekstero, dum la perfekta virto kuŝas en la denaska naturo.' Tiu, kiu konas la denaskan naturon kaj la altruditan konduton, scias adapti sin al la cirkonstancoj kaj fari ĝustan elekton aŭ decidon, kaj tiel povas reveni al sia denaska naturo kaj atingi la perfektecon tian, kia estas neesprimebla per la vortoj."

"Kio do estas la denaska naturo kaj kio do estas la altrudita konduto?" demandis la dio de la Flava Rivero.

"La bovo kaj la ĉevalo havas kvar piedojn," respondis la Mara Dio, "jen la denaska naturo. Oni bridas la kapon de la ĉevalo kaj oni metas ringon en la naztruojn de la bovo por kondukado, jen la altrudita konduto. Tial, estas dirite: 'Ne detruu la denaskan naturon per la altrudita konduto; ne detruu la denaskan dispozicion per afektaĵoj; ne oferu vian bonecon pro la famo.' Strikte observi tiujn ĉi principojn — jen kio estas nomata reveno al la denaska naturo."

*Elĉinigis*



**Wang Chongfang**

**(Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Stafetado de versado

*En nia grupo WeChat (NiBbabilu) okazis interesa stafetado de versado laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*. Oni versis laŭ la temo "somero" libere, sed strikte laŭ la skemo de Sopir-al-sudo.*

**Vejdo:**

Somere
sur blua ĉiel'
la suno ardas brile
kun lumo de forta hel'
kaj per varma pel'.

**Gajo:**

somero,
varma sezono.
la suno verŝas flamon,
des pli sur tropikzono,
en brula drono!

**Gajo:**

nun al ni
venas somero.
en tiu kreska sezono,
regas floroj, abeloj,
bel' kaj prospero!

**Zhuang Qixiong:**

Somero
fridas en silent'.
Ne dormi pro nokta pluv',
nur bonodori en vent'.
Sola por vin-sent'.

**Vejdo:**

Eĉ varmon
alportas vento
al tero kaj rivero
en enua silento
de laca sento.

**Gajo:**

sekundo
de la komenco

de ĉina Grenspikiĝo
portis varmon al senso,
ĝojon al menso!

**Gajo:**

anoncas
tio rikolton
riĉan en vastaj kampoj!
farmuloj donas forton
spite sunmordon!

**Minosun:**

Cikadoj
ĉirpadas fole
en bulvardo; knabinoj
en korseto strangole
pasas jam mole.

**Minosun:**

Sin movas
nuboj sur ĉiel',
super lago salikoj
flirtas, kiam kun ĉapel'
ŝi flosas en vel'.

**Vejdo:**

Abeloj
flugas en flor-mar'
tien kaj tien haste
veture per flugilpar'
por freŝa nektar'.

Kun zumad'
ili fervore
frekventas de flor' al flor'.
Donas sunlum' favore
bonon brilglore.

**Vejdo:**

Insektoj
en la varma ondo
ne cedas en ĉirpado,
eĥas per brua respond,
forte kun volont'.

Verŝajne
varmo de somer'
ja ne povas subigi
estaĵetojn sur ter'
kun viva esper'.

**Minosun**

La lasta
mortis lampiro,
la steloj brile larmas
pri l' fratoj en sopiro, –
vanas suspiro.

**Vejdo:**

Kial do
mortis lampiro?
En somer-nokta mallum'
flagras ĝia vagbrilo —
ĉies admiro!

En varma
sufoka aer'
ŝvebdancas papilioj
super floroj en liber',
Per fluga leĝer'.

**Minosun**

Dum libron
mi legas, gute
pluvas en nokt' somera.
La lego absolute
daŭros pli glute!

Sur roko
sidas heliko
por ripozo en ombro
kiun donas saliko –
kia amiko!

## Jadranka Miric (Serbujo)



## Al mia Fratino

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Subita
morto. Silento.
Malkredemo. Ĉagreno.
Pluvo de larmoj. Sento
trista. Momento

Malgaja.
Longe daŭras.

Kruroj, ja, ege, pezas
apenaŭ, jen, moviĝas.
Okuloj ruĝas.

Rapide
pasas tagoj.Ve.
Animo ploras kiel
de unua tago akre .
eĉ tre kolere.

Memoroj
viciĝas. Fruaj
bildoj el infaneco.
Vivo apud mar'. Puraj
ĉielnuboj kaj bluaj
ondoj ŝaŭmaj.

Infanoj
niaj restas. Do,
kiel unika riĉaĵ',
nia dua "mi" ekster
spirita mondo.

## Neĝas

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Nova jar'
sen neĝa, ĉu? Ve.
Tamen ĉio ŝanĝiĝis.
Jen, neĝas ĉi-matene.
Falas ĝi reve.

Frostas ter'.
Blanka kovrilo
estas maldika, mola.
Baldaŭ degelos milo
da neĝo. Milo

da akvo
perloj glaciĝos
eble.Vento frakasas
branĉaron. Reaŭdiĝas.
Tago blankiĝas.

Malforta
suno kaŝiĝis
malantaŭ nuboj. Fuŝe
brilas kaj ter' frostiĝas.
Aer' freŝiĝas.

Sur vitro
mira desegnaĵ'
el glacio farita.
Jen, mira neĝobrodaĵ'.
Tiom da belaĵ'.

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimarangĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Tiberio Madonna (Italujo)

## LA DORMO

Johano enlitiĝis, maltrankvila: li havis gravan, malfacilan ekzamenon la morgaŭan matenon, kaj devis dormi, se li volis esti vigla kaj atenta dum la ekzameno. Bedaŭrinde tio estis pli facile direbla ol farebla. La dormemo ne alvenis. Kion fari? Ĉu pensi pri nenio? Neeble. Ĉu kalkuli? Neutile. La tempo pasis. Li turnis sin dekstren. Li turnis sin maldekstren. Neniu endormiĝo. La horoj pasis: du horoj, tri, kvar… Li restis ĉiam sen dormo. Estis absoluta silento en la ĉambro, sed tio ne helpis. Kontinua maldormo. Jam tagiĝis. Restis malmulte da tempo por provi ankoraŭ dormi. Ne penvaloris resti enlite. Konvenis ellitiĝi kaj forveturi, kvankam frue. Johano leviĝis, iris al la banejo kaj sin lavis. Li vestis sin kaj pretigis ĉiujn aĵojn, kiujn li devis porti kun si por la ekzameno. Poste li prenis ion por manĝi kaj metis ĝin en la sakon: li estis manĝonta ĝin pli malfrue, ĉar en tiu momento Johano neniom povis maĉi kaj engluti ion ajn: li estis tro maltrankvila kaj nerva. Li eliris kaj marŝis tra la strato soleca; estis iom frue por vidi aliajn homojn: certe ĉiuj ankoraŭ dormis. Johano daŭrigis sian marŝadon kaj, kiam li estis en la metroo… la vekhorloĝo eksonis, kaj la songĝo finiĝis!

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Retadreso: vejdo@163.com
www.elerno.cn/penlisto.htm
_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_